# Aŭstraliaj Esperantistoj

## Novaĵletero de ĉiuj Aŭstraliaj Esperantistoj

**RETADRESE AL ĈIU ESPERANTISTO EN AŬSTRALIO KAJ NOVZELANDO**

http://itranslate4.eu/

**PLENUMITA 17/03/2016 Ducentsesdeka eldono 17/03/2016 SENDITA (unua eldono 20/09/2011)**

**Sendu novaĵojn, leterojn, fotojn, informojn al Roger Springer rogerspringer@tpg.com.au;**



**Redaktoro Roger Springer Provlegita de Franciska Toubale**



**SENDATA AL 315** La informa kaj noma paĝoj reaperos nur en la dekaj eldonoj


Estas pli ol **329,000** lernantoj en la Esperanto-kurso de Duolingo.
https://www.duolingo.com/course/eo/en/Learn-Esperanto-Online (Ekde la 28a de Majo 2015)

★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★★

## Esperanto Pocket Textbook




**Propagandila kaj Fontindika Libreto.**

*Ĉu vi faris vian kopion? Ĉu viaj studentoj faris siajn kopiojn ?*
*Senpage havebla ĉe http://aea.esperanto.org.au/sxlosilo/?lang=eo*

# 114. LA GRAMATIKO DE ESPERANTO

## La plurfaceta verbo "esti". Ĉ.



La tria signif- kaj funkcinuanco de la verbo "esti" estas "egali". Ĉe "Kvin plus du estas sep" oni povas interŝanĝi la subjekton kaj la kvazaŭan predikativon al la same valida kaj signifanta "Sep estas kvin plus du", Same oni povas fari tion ĉe "Mia patro estas la lernejestro de tiu lernejo" al "La lernejestro de tiu lernejo estas mia patro". La samo okazas ĉe la iom alternativa verbo "egali". Kaj ĉar "egali" en Esperanto kaj en etnaj lingvoj estas transitiva verbo, ankaŭ "esti" en ĉi tia uzo devus esti transitiva. Do "Mia patro estas la lernejestron" same kiel "Mia patro egalas la lernejestron". Sed Zamenhof decidis alie, kaj la Esperantistoj certe ne kuraĝus aŭ dezirus renversi ĉi tiun decidon de Zamenhof. Kaj tial ankaŭ mi ne proponus tion. Tamen ĉi tiu transitiveco estus tute normala en Esperanto, ĉar se vi traserĉos P.I.V.-on, vi renkontos plurajn kazojn en kiuj la sama verbformo havas en Esperanto du nuancojn da signifo, unu hazarde transitiva kaj la alia netransitiva.

Daŭrigota. Marcel Leereveld.



# Ĉu via klubo/grupo kunvenis? as? os?

Maldetala informo sufiĉas. Kiuj ĉeestis? (Ankaŭ NZ kluboj)





## La Manlia Esperanto-Klubo.

Anoj kunvenas la unuan kaj trian Sabatojn. 10atm

Bavarian Beer Cafe, Manly Wharf; Unu taso da senpaga kafo.
Kunvenos la 19an Marton.

## La Melburna Esperanto-Klubo kunvenas ĉiujn lundojn,

6.30ptm ĝis 8.30ptm **ĉe Ross House,**

Foto de Homoj ĉe la jarkunveno por 2015 kiu okazis pasintan lundon. (Vidu AE 260)







## Pri GEOGRAFIAJ NOMOJ.



La geografiaj nomoj ankaŭ min kapdolorigas. Ĉu eblas aperigi en AE liston de ĝuste esprimitaj lando- ŝtato- urbego-nomoj? Se jam ekzistas libreto kun tiuj nomoj, mi aĉetos ĝin. Dankon pro iu ajn helpo.
Vera Payne





Homo: Kiom estas unu miliono da jaroj al vi?
Dio: Same kiel nur unu sekundo !
Homo: Kaj kiom estas unu miliono da dolaroj al vi?
Dio: Same kiel nur unu cendo !
Homo: Ĉu vi donos al mi unu cendon?
Dio Jes, atendu nur unu sekundon !



Plej amike,
Bob Felby



# Internacia Tago de Renoj — 10 de Marto 2016

La Internacia Tago de Renoj celas konsciigi la mondan loĝantaron pri la graveco de renoj por la homa sano kaj prevento de malsanoj kaŭzitaj pro misfunkcio de la renoj. Tiu tago estis iniciatita de la Monda Organizaĵo pri Sano (MOS) en la jaro 2006.
Nunjare la Internacia Tago de Renoj okazas sub la temo "Rena malsano kaj infanoj".

Se vi interesiĝas pri tiu afero, ni plezure sciigas ke la verkisto Paiva Netto aperigis instruan, utilan artikolon. Por atingi ĝin, jen la ligilo: Internacia Tago de Renoj

Rilate al tiu temo, diradas la edukanto Paiva Netto:
“Estas eraro alporti teknikon al la Homaro kaj ne alporti homecon al tekniko. Necesas rigardi trans la inteligenton”.

El la centra sidejo de Legio de Bona Volo (LBV), fratinece, sukcesodezire,
Maria Aparecida da Silva

# AEA informas.

## Aŭstralia Esperanto-Asocio C/- G.P.O. Box 2122, Melbourne 3001

### 2016-03-10 AEA raportas:

Nian lastan Skype estrarkunvenon (10/03/2016) ĉeestis:

Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor - Ilia el Indonezio kaj Bradley el NZ

Ĝi estis nia lasta kunveno antaŭ la trilanda kongreso en Bandung

**(1) SOMERKURSARO – JANUARO 2017 EN BRISBANO**

Nia venonta somerkursaro okazos en januaro 2017 en International House en Brisbano 6-a – 15-a januaro 2017

Ni daŭrigis la preparadon kaj esperas ke la baza programo kaj la

**(3) VENONTA TRILANDA KOMUNA KONGRESO EN BANDUNG (INDONEZIO)**

**23 – 28 Marto 2016**

Ni detale trairis la programon kaj klopodis klarigi kelkajn neklarajn erojn, ekz la sesio pri la kongresa temo.

Bv kontroli la programon sur nia retejo.

La postkongreso ja okazos, kvankam la numbro de partoprenantoj estas nur sep.

Do, bonvenon al la unua (kaj espereble ne lasta!) trilanda kongreso. Ni intencas sendi multajn raportojn kaj bildojn.

Venontaj kunvenoj: 07/04/2016 Indrani, Joanne, Jonathan, Sandor

# Lingvo instruo en Aŭstralio

Mi laboras nuntempe kiel instruisto en lernejo en la Norda Teritorio. Lastatempe, la landa revuo de instruistaro eldonis artikolon pri la lernado de ne-angla lingvo en aŭstraliaj lernejoj. Tre interese, sed la skribinto ne menciis Esperanton. Eble via legantaro volos legi ĝin. Jen ligo de la artikolo, kun mia komento.
http://au.educationhq.com/news/33846/foreign-concept-why-learning-a-second-language-is-vital-to-our-global-future/ (Angle)

Amike, Marc Schmidt

## Komentoj de la provleganto

En la raporto pri la estrarkunveno de AEA, laŭ mi mankas io. Estas skribite ... kaj esperas ke la baza programo kaj la venonta trilanda kongreso......sed la frazo ne havas finon.

Plie mi ŝatus respondi al Vera Payne ke certe se estus iu libreto kun la listo de la geografiaj nomoj, tio evitus kapdoloron pri la temo. Sed ne estas nur unu maniero kompreni la problemon,do ni havu libreton laŭ kies vidpunkto?

Kun granda intereso, legas mi la gramatikajn rimarkojn de Marcel Leereveld. Ĉu eblas havi ekzemplojn pri la aserto ke " la sama verbformo havas du nuancojn da signifo, unu hazarde transitiva kaj la alia netransitiva"?

Amike, Franciska

## Vortoj de "Lernu"

### TENERA



Elmontranta aman, mildan atenton, karesemon:

Ŝi estas tenera edzino.

Min trankviligis liaj teneraj karesoj.

Li tenere kisis sian koramikinon.

Mi amas vin pro via tenereco.